2me Année, No 17.
Janvier 1904.

2a Jaro, 17a Numero.
Januaro 1904.

2e Jaar, Nr 17.
Januari 1904.

GAZETO ESPERANTISTA ELIRANTA ĈIUMONATE EN BELGUJO.




JOURNAL ESPÉRANTISTE BELGE MENSUEL.

BELGISCH ESPERANTISCH MAANDSCHRIFT.

| PRIX DE L'ABONNEMENT ANNUEL : | KOSTO DE LA JARA ABONO : | JAARLIJKSCHE INSCHRIJVINGSPRIJS : |
|---|---|---|
| 2.50 fr. pour la Belgique ;<br>3.00 fr. pour l'étranger.<br>5.00 fr. (minimum) : abonnement de protecteur. | 2.50 fr. en Belgujo ;<br>3.00 fr. en eksterbelgaj landoj.<br>5.00 fr. (almenaŭ) : protektanta abonanto. | 2.50 fr. voor België ;<br>3.00 fr. voor den vreemde.<br>5.00 fr. (ten minste) : inschrijving als beschermer. |
| Un numéro : 0.25 fr. | Unu numero : 0.25 fr. | Het nummer : 0.25 fr. |

Ĉefredaktoro — Rédacteur en chef — Hoofdopsteller : Jos. JAMIN, 55, rue des Drapiers, Bruxelles.
Cenzuristoj — Censeurs — Keurders : E. et L. BLANJEAN, 14, rue de Wautier, Laeken.
Abonoj — Abonnements — Inschrijvingen : M. SEYNAEVE, 3, rue de l'Avenir, Courtrai.
Presisto — Imprimeur — Drukker : A.-J. WITTERYCK-DELPLACE, 4, Nouvelle Promenade, Bruges.

La personoj, kiuj sendos al ni almenaŭ sumon da kvin frankoj, estos enskribitaj kiel protektantaj abonantoj kaj ilia nomo estos presita en ia proksima numero.
Nia ĵurnala jaro komenciĝas la 15an de Septembro. Se oni abonas post tiu-ĉi dato, oni ricevas la jam elirintajn numerojn.

Les personnes qui nous enverront au moins la somme de cinq francs seront inscrites comme abonnés protecteurs et leur nom paraîtra dans un prochain numéro.
L'année de notre Journal commence le 15 Septembre. Si l'on s'abonne après cette date, on reçoit les numéros déjà parus.

*De personen die ons ten minste de som van vijf franken toezenden zullen opgeteekend worden als inschrijvers-beschermers en hun naam zal in een aanstaande nummer gedrukt worden.*
*De jaargang van ons Blad begint met 15n September. Indien men zich na dien datum laat inschrijven, ontvangt men de reeds verschenen nummers.*

## ENHAVO.



## SOMMAIRE.



## INHOUD.



A.-J. WITTERYCK-DELPLACE,

IMPRIMEUR-ÉDITEUR
BRUGES, NOUVELLE PROMENADE, 4.

DRUKKER-UITGEVER
BRUGGE, NIEUWE WANDELING, 4.

## JOURNAUX ESPÉRANTISTES — ESPERANTISCHE BLADEN.

**Lingvo Internacia**, fr. 4.00 par an (*4.00 fr. 's jaars*). Mr PAUL DE LENGYEL à Szekszârd, Hongrie.

**L'Espérantiste**, fr. 4.00 par an comprenant l'inscription comme membre de la S. F. p. E. (*4.00 fr. 's jaars recht gevende tot de inschrijving als lid van de S. F. p. E.*). Mr EDOUARD BRÉON, Secrétaire de la S. F. p. E. 6, rue du Levant, à Vincennes, près Paris.

**Societo por Internaciaj Rilatoj** (S. I. R.), fr. 3.00 par an (*3.00 fr. 's jaars*) ; avec l'organe de la Société (*met het orgaan der Maatschappij*) « **Lingvo Internacia** » fr. 6.00 par an (*6.00 fr. 's jaars*) Mr PAUL FRUICTIER, 27, boulevard Arago, Paris.

**Literatura Biblioteko de Lingvo Internacia**, fr. 2.50 par an (*2.50 fr. 's jaars*) Mr PAUL DE LENGYEL à Szekszârd, Hongrie.

**La Lumo**, fr. 3.00 par an (*3.00 fr. 's jaars*) Mr A. REMBERT, 79 rue St-Christophe, Montréal, Canada.

**Rondiranto**, fr. 4.00 par an (*4.00 fr. 's jaars*) Mr G. P. OREŜKOV, Plovdiv, Bulgarie & L. COGEN, 61 rue des Rémouleurs, Gand.

**La Holanda Pioniro**, fr. 3.00 par an (*3.00 fr. 's jaars*) Mr DREVES UITTERDIJK, Hilversum, Holland.

**Bohema Esperantisto**, fr. 3.50 par an (*3.50 fr. 's jaars*) Mr ĈEJKA, Th. Bystrice-Hostyn, Moravie-Autriche.

**L'Esperantista**, fr. 4.00 par an (*4.00 fr. 's jaars*) Grafo ALBERT GALLOIS, Riolunato, prov. de Modena, Italie.

**La Svisa Espero**, fr. 2.50 par an (*2.50 fr. 's jaars*) Mr TH. RENARD, 6, rue du Vieux Collège, Genève, Suisse.

**Antaŭen Esperantistoj**! 0,150 Livroj = fr. 3,00 par an (*3,00 fr. 's jaars*) Mr ANT. ALVARADO, str. Lartiga n° 106a Lima, Pérou.

**Ĉilio Esperantista**, gratuit au Chili (*kosteloos in Chilië*) Mr LUIS E. SEPULVEDA CUADRA, cas. 1989, Santiago, Chili.

**La Suno Hispana**, fr. 3.00 par an (*3.00 fr. 's jaars*) Mr AUG. JIMENEZ LOIRA 5, Corona, Valencia, Espagne.

**The Esperantist**, fr. 4.00 par an (*4.00 fr. 's jaars*), Mr H. BOLINGBROKE MUDIE, 41, Outer Temple, W. C. London, England & M. SEYNAEVE, 3, rue de l'Avenir, Courtrai.

**La Juna Esperantisto**, 2.50 fr. par an (*2.50 fr. 's jaars*). Mr H. HOLDER, 9 avenue des Vollandes, Genève, Suisse.

**Internacia Scienca Revuo**, fr. 7.00 par an (*7.00 fr. 's jaars*), Mr PAUL FRUICTIER, 27, Bd Arago, Paris.

2me Année, N° 17.
Janvier 1904.

2a Jaro, 17a Numero.
Januaro 1904.

2e Jaar, Nr 17.
Januari 1904.

GAZETO ESPERANTISTA ELIRANTA ĈIUMONATE EN BELGUJO.




| JOURNAL ESPÉRANTISTE BELGE MENSUEL. | | BELGISCH ESPERANTISCH MAANDSCHRIFT. |
|---|---|---|
| **PRIX DE L'ABONNEMENT ANNUEL :** | **KOSTO DE LA JARA ABONO :** | **JAARLIJKSCHE INSCHRIJVINGSPRIJS :** |
| 2.50 fr. pour la Belgique ; 3.00 fr. pour l'étranger. 5.00 fr. (minimum) : abonnement de protecteur. | 2.50 fr. en Belgujo ; 3.00 fr. en eksterbelgaj landoj. 5.00 fr. (almenaŭ) : protektanta abonanto. | 2.50 fr. voor België ; 3.00 fr. voor den vreemde. 5.00 fr. (ten minste) : inschrijving als beschermer. |
| **Un numéro : 0.25 fr.** | **Unu numero : 0.25 fr.** | **Het nummer : 0.25 fr.** |

Ĉefredaktoro — Rédacteur en chef — Hoofdopsteller : Jos. JAMIN, 55, rue des Drapiers, Bruxelles.
Cenzuristoj — Censeurs — Keurders : E. et L. BLANJEAN, 14, rue de Wautier, Laeken.
Abonoj — Abonnements — Inschrijvingen : M. SEYNAEVE, 3, rue de l'Avenir, Courtrai.
Presisto — Imprimeur — Drukker : A.-J. WITTERYCK-DELPLACE, 4, Nouvelle Promenade, Bruges.

# *Bonan Novjaron !*

Unu jaro malaperas ; certe ne forgesos ĝin la veraj amikoj de Esperanto ! Efektive la 1903a jaro sin montras, en la kreskanta movo al sukceso, kiel la salto la plej grava, la plej feliĉa, kiun nia afero faris ĝis nun.

La disvastigado de la lingvo estas nun tia, ke oni ne povas plu dubi pri ĝia proksima akcepto ĉe ĉiuj civilizataj popoloj.

En Belgujo la precipaj grupoj formiĝis kaj ricevis tuje belegajn rezultatojn. Multajn novajn aliĝantojn rikoltis Esperanto tie, kie ne ekzistas ia grupo. Alilande la progresoj estas mirindaj kaj ni povas certigi ke nenia angulo ekzistas sur la tero, kie Esperanto estas nekonata.

Al ĉiuj, kiuj laboradis por akiri tiun rezultaton, al ĉiuj, novaj adeptoj kaj malnovaj kunbatalantoj, ni deziras novan kuraĝon por daŭrigi tiun belan agadon dum la 1904a jaro !

LA REDAKCIO.

## Bonne Année !

Une année qui disparaît et que n'oublieront certes pas les vrais amis de l'Esperanto. En effet, l'année 1903 nous apparaît, dans le mouvement ascendant vers le succès, comme le saut le plus important, le plus heureux, que notre cause ait fait jusqu'aujourd'hui.

L'extension de la langue est maintenant telle, qu'on ne peut plus douter de sa prochaine adoption par tous les peuples civilisés.

En Belgique les principaux groupes se sont formés et ont reçu, immédiatement, de magnifiques résultats. L'Esperanto a recueilli de nombreux adhérents nouveaux, là où n'existe aucun groupe. A l'étranger les progrès sont merveilleux et nous pouvons certifier qu'il n'est aucun coin, sur la terre, où l'Esperanto soit inconnu.

A tous ceux qui travaillèrent à ce résultat, à tous, nouveaux adeptes et anciens combattants, nous souhaitons un nouveau courage pour continuer cette belle œuvre pendant l'année 1904.

## Goed Nieuwjaar !

*Een jaar dat verdwijnt en dat de ware vrienden van het Esperanto voorzeker niet zullen vergeten. Inderdaad, het jaar 1903 schijnt ons, in de klimmende wending naar het welgelukken, als de belangrijkste sprong, welken onze zaak tot nu toe gedaan heeft.*

*De uitgebreidheid onzer taal is nu zóó groot dat men niet meer twijfelen kan aan hare aanstaande aanneming door alle beschaafde volkeren.*

*In België zijn de voornaamste groepen gevormd geweest en hebben aanstonds schitterende uitslagen verworven. Het Esperanto heeft talrijke nieuwe aanhangers gewonnen, dáár waar nog geene groep bestaat.*

*In den vreemde is de vooruitgang wonderbaar en wij kunnen verzekeren dat er geen hoek der wereld is, waar het Esperanto niet gekend is.*

*Aan allen die aan dezen uitslag arbeidden aan allen, nieuwe aanhangers en oude strijders, wenschen wij een nieuwen moed om dit schoone werk binst het jaar 1904 voort te zetten.*

# La radiumo.

Dum la 1895[a] jaro, profesoro Rœntgen eltrovis la radiojn X, kiuj permesas ke la homoj vidu tra la maldiafanaj korpoj, kaj analizu en la interno de plenviva korpo la misteran funkciadon de la organoj.
Ankoraŭ unufoje, la eksperimenta scienco estis farinta, el la plej ĥimeraj revoj, palpeblan realaĵon.
Post kelkaj monatoj, la eltrovo de la radioj « Rœntgen » farigis alian ankoraŭ pli mirindan eltrovon.
Sinjoro Henri Becquerel, de la Franca Instituto, sciigis al la scienca mondo, ke la *uranium'o* ellasis nevideblan radiaĵon, havantan samajn proprecojn kiel la radioj X, sed malsimile, anstataŭ prunti ĝian energion el eksteraĵo tiel la radioj X, la uraniumo ellasis nekonsumeblan radiaĵon kiun ĝi nenie pruntis el ia videbla elemento.
Ĉar ĉio ĉenigas en scienco, tri jarojn poste, S[ro] kaj S[rino] Curie eltrovas kaj soligas novan korpon, la *radium'on*, eltiritan el restaĵoj el kiuj oni estas jam eltirinta la uraniumon, kaj kiu reproduktas la samajn fenomenojn kaj ankaŭ aliajn, je grado dumilione pli forta.
Stranga korpo, sed treege malofta kaj multekosta ĉar, por eltiri unu gramon da radiumo, oni devas uzi pli ol dekmil kilogramoj da minaĵo. Tiel, je la nuna horo, unu gramo da pura radiumo kostas ĉirkaŭe 150,000 frankojn.

* * *

La radiumo estas ricevebla sub formo de salo, klorsalo aŭ bromsalo. La radiumaj saloj estas propramove lumaj. Ili impresas la fotografiajn ladojn tra ia korpo. Oni ne konas korpojn tute maldiafanajn sub radioj de radiumo; nur la impreso sur la impresema lado estas pli aŭ malpli rapida, laŭ la trairita korpaĵo.
Je ĉiuj varmgradoj, la radilumo de la radiumo estas egala al ĝi mem. Ĝi ne diferencas inter la varmgrado de bolanta hidrogeno, 252 gradoj sub 0 (centigrada termometro) kaj tiu de la bolanta akvo, 100 gradoj super 0.
Alia stranga propreco : la radioj de la radiumo igas bonaj konduktantoj ĉiujn korpojn ĝis nun difinitajn kiel kapablajn soligi elektron, tiel gasan aeron, fluidan aeron, petrolon, benzenon, sulfursalon de karbono, k. t. p.
En loko, kie oni manlaboris dum kelka tempo radiumajn salojn, neeble estas elektre soligi aparaton ian.
Kiel la radioj X, la radioj de la radiumo povas nek rebrili, nek sinrompi. Ili trairas, laŭ rekta linio, la spegulojn kaj prismojn.
Tamen ili estas dismeteblaj per magneto kiu disigas ilin laŭ tri netaj faskoj, neegale direktigitaj, da pozitiva (+) aŭ malpozitiva (—) elektro plenaj.
La malpozitivaj (—) radioj estas tiel, kiel veraj kugloj havantaj rapidecon de la lumo — 300.000 kilometroj po sekundo — kaj kies maso estas milfoje pli malgranda ol maso de la plej malgranda atomo konata.

* * *

La radiumo estas eterna, senfina kaj ĝis alia pruvo, propramova fonto da elektro.
Vitra tubo, sigelita, enhavanta salon de radiumo, pleniĝas je elektro tiel, kiel Lejda botelo. Kiam sur tiu vitra tubo oni desegnas trajton per fajlilo, la tubo estas borata, fajrero elŝprucas : la montranto ricevas skuon.
La radiumo estas ankaŭ eterna kaj senfina fonto da varmo.
Tiu korpo, kiu ŝajne kontraŭdiras la leĝojn de la naturo ĝis nun konatajn efektivigas la *eternan movon* kies elpensitaĵo eĉ ŝajnis absurda, laŭ opinio de la scienculoj kaj filozofoj.
Metu soligitan termometron apud tubo da radiumo, tiu termometro pruvigas superan varmgradon po 3 aŭ 4 gradoj pli ol la ĉirkaŭa loko.
Plie, fenomeno ankoraŭ pli eksterordinara, salo de radiumo, himie solvigita, komunikas momente siajn proprecojn al ĉiuj korpoj enfermigitaj kun ĝi en komuna vazo. Tion S[ro] Curie nomas la *enkondukita radia-agemo.*
La radiumo ŝajnas do ellasi materian eliraĵon kiu sin fiksas sur malfluidajn korpojn kaj disvastiĝas en la gasojn tiel kiel vaporo treege maldensa. Sed tiu *eliraĵo*, kontraŭe je la radioj de radiumo, ne trairas la korpojn. Ĝi restas limigita en la boteleto kiu ĝin enlokigas. La plej malgranda senintermanka mureto haltigas ĝin. Tamen oni povas transverŝi ĝin per tubo, eĉ hardika.
Distilante tiun eliraĵon, oni densigas ĝin en tre malgranda spaco, kondiĉe malvarmigi energie tiun spacon, ekzemple subakvigi ĝin en fluidan aeron.
La eliraĵo de la radiumo, tuje apartigita de la salo el kiu ĝi estas eliranta, sin malŝparas propramove, eĉ en tubo zorge sigelita. Tiam ĝi malpliigas, po duono, dum kvar tagoj.
Ĉio, resume, estas miriga kaj mistera ĉe tiu korpo. Mi konservis, por la fino, ĝian influon la plej inspirindan, tiun kiun ĝi produktas ĉe la vivantaj korpoj.
Kiam oni ĝin alproksimigas al la okulo, palpebro fermita, salo de radiumo enfermita en maldiafana skatoleto naskas fortan senton da lumo. Tiam ĉiuj partoj de la okulo fariĝas subite fosforlumaj.
Estas la okulo mem kiu lumigas al la retino.
La epidermo, per kontakto de radiuma globeto suferas nenian senton. Sed kiam la kontakto daŭradas dum kelkaj tagoj, la teksoj sin malorganizas.

Krusto, sekve vundo, sin formas, kiu resaniĝas nur post multaj monatoj de kuracado. Oni serĉas utiligi tiun proprecon por kuraco de la lupus'o kaj de la kankro.

La radioj de la radiumo, projektitaj sur la nervajn centrojn, elvokas paralizon kaj morton.

Nune, kunlaborante kun doktoro Bordas, mi lernas fiziologian influon de la *eliraĵo* de la radiumo maksimume densigita per malvarmigo en fluidan aeron. Mi enŝprucigas en sango de bestoj gasojn kaj fluidaĵojn saturitajn per tiu densigita eliraĵo. Estas malfacilaj serĉadoj alvokontaj, eble, gravegajn rezultatojn.

***

Mi sufiĉe diris por montri ke la eltrovo de tiu korpo malfermas mirindan laborkampon por niaj serĉadoj kaj esperoj.

La proprecoj de la radiumo renversegas niajn ideojn pri fortoj kaj materio.

La radiumo ĉiam liberigas lumon, varmon, elektron kaj maldensan materion nepalpeblan kiun oni povas transverŝi kaj densigi. La radiumo malŝparas senĉese kvanton da rimarkinda energio, konservante saman staton kaj saman pezon.

Ĉu tio estas efiko de senĉesa atoma aliformigo ? Ĉu estas sentebla aliformigo de ia radieco de la spaco ankoraŭ ne tuŝetanta niajn sentojn ? Fine, kia estas la mezuro de tiu energio ?

Ni diris ke la rapideco de la partetoj ellasitaj de la radioj plenigitaj de malpozitiva (—) elektro estas tiel sama, kiel rapideco de la lumo — 300.000 kilometroj po sekundo. Plimalgrandigu ĝin hipoteze ĝis ĝia triono. Tiu energio, por unu gramo da radiumo, prezentas multajn miliardojn da vapormezuroj.

Sub formo de varmo, la radiumo liberigas nombron da varmmezuroj kiu sufiĉas por plialtigi ĝian propran pezon ĝis 34 kilometrojn de alteco, po unu horo. Aldonu al la varma energio la elektran energion kaj tiujn de la aliaj radiaĵoj, kaj vidu kian senfinan potencon !

La radiumo estas enigmo, la plej konfuzanta de tiu ĉi jarcento, tamen tiel riĉa je enigmoj !

El la Pariza ĵurnalo « Le Matin » 15ª de Decembro 1903.
Kun permeso.

PROFESORO D'ARSONVAL,
membro de la Franca Instituto.
Tradukis, Jos. JAMIN.

## Bibliografio.

Inter la nombraj kaj bonegaj libroj pri Esperanto publikitaj, en tiuj lastaj monatoj, de fervoraj kunbatalantoj, ni intencas nun skribi iomete koncerne verkon taŭgan por ĉiuj niaj samideanoj, kaj eĉ ni tre bedaŭras ke tion ni ne povis ankoraŭ fari pli frue.

La sindonema kaj lerta ĉefredaktoro de nia malnova « Lingvo Internacia », S^ro^ Paul Fruictier, eldonis libron tre gravan, laŭ nia opinio. Estas « *Esperanta Sintakso* ».

Tiu verko, tute Esperante skribita, enhavas antaŭparolojn konsistantajn el ĉarma letero de nia tre konata samideano, S^ro^ Cart, kaj el kelkaj vortoj de l'aŭtoro mem. Kompreneble, ni ne povas ĉi-tie citi la tre nombrajn ĝustajn ideojn de niaj du amikoj, ĉar por tio ni devus doni plene liajn tekstojn.

***

La verkinto ekzamenas unuj post la aliaj la sekvantajn ĉapitrojn :

1 — Difino de vortoj. 2 — Artikolo. 3 — Substantivo. 4 — Adjektivo. 5 — Nombraj nomoj. 6 — Personaj pronomoj. Posesivoj. 7 — Pronomoj-adjektivoj kaj aliaj vortoj. 8 — Verbo. 9 — Prepozicio. 10 — Adverbo. 11 — Konjunkcio. 12 — Aldono : Ordigo de vortoj, interpunkcio.

***

Oni ne kredu ke S-ro Fruictier traktis nur teorie tiujn ĉapitrojn. Li akceptis principon kiu al ni ŝajnas nedisputeble bona. Efektive, ni legas la sekvantaĵon :

« Tiun spiriton — la propan spiriton internacian de nia lingvo — ĝisnunaj Esperantistoj (aŭ almenaŭ « plej multo el ili) akiris per zorga legado de diversaj verkoj el nia « Biblioteko » ; tion ili povis fari nur « pro manko de plenaj lernolibroj kaj vortaroj. »

Konklude, l' aŭtoro, por tiel diri, faris tion en lingvo Esperanto, kion faris S-ro de Beaufront en lingvo franca. Evidente, laŭ sia celo, ĉi-tiu elverkis libron por personoj sciantaj la francan lingvon kaj li elektis tiujn ekzemplojn, kiuj taŭgas plej bone, kaj ĉiuj Esperantistoj kiuj uzis la Komentarion scias ĝis kia alta grado sukcesis S-ro de Beaufront. Kontraŭe, S-ro Fruictier dediĉas sian verkon *al la samideanoj de ĉiuj landoj*. Li do tiris siajn ekzemplojn el la verkoj de D-ro Zamenhof kaj li konfesas ke li trovis ankaŭ grandan helpon en la bonegaj libroj aŭ skizoj gramatikaj de S-roj Einstein, de Beaufront, Cart, da Costa, Gernet, Kofman, Nylén, Villareal, kaj aliaj.

Unuvorte, S-ro Fruictier estas tute prava kiam li diras : « Mi verkis tiun libreton, trudinte al mi unu « regulon, KONSTATI NE PROPONI. »

Ĉiuj la legantoj de la Belga Sonorilo havos ideon pri la taŭgeco de l' Esperanta Sintakso per tiu juĝo de l' eminenta lingvisto Cart en lia letero al la ĉefredaktoro de L. I. :
« La verko estas kunmetita laŭ principoj de severega metodo. »
« Vi tre bone komprenis ke, jam en ĝia nuna stato, Esperanto povas kaj devas esti studata kiel vera « lingvo, kia ĝi estas ; anstataŭ trudi regulojn, niajn regulojn al la lingvo, ni devas ilin ĉerpi el ĝi mem, « t. e. el verkoj de D-ro Zamenhof kaj de plej bonaj esperantistoj. »

***

Ni ne povas aldoni alion. Ke ĉiu Esperantisto aĉetu la bonegan libron de S-ro Fruictier, kaj li baldaŭ vidos per si mem kiom utile por la tuta Esperantistaro laboradis la verkinto.

LUCIEN BLANJEAN.

## Tra la Mondo Esperantista.

Nia kunfrato « La Holanda Pioniro » kiu de kelka tempo haltiĝis pro multaj kaŭzoj, aperis dum la unuaj tagoj de decembro, kiel kristnaska surprizo, sub formo de duobla numero $11^{a}$ kaj $12^{a}$. Nia kuraĝa samideano, Dreves Uitterdijk, tiel finigas la unuan jaron de sia simpatia entrepreno kaj anoncas ke en la dua jaro la ĵurnalo aperos po kvaronjaraj kajeroj, ĉia numero enhavos tridek da paĝoj kaj la abonkosto estos 1,50 guldeno = 3 frankoj. La plena jarkolekto $1903^{a}$ kostas nur 2.50 frankojn.

Sub la titolo « Ni persistu », li skribis gravan artikolon en kiu li sciigas la malfacilaĵojn kiujn li renkontis ĝis nun; sed plena je energio, li esperas, kaj ni ankaŭ, ke sub sia nova formo, tiel nur dum tempa daŭro, Holanda Pioniro laborados por la disvastigado kaj la triumfo de nia komuna afero.

Tiu duobla numero sciigas al ni ke en Amsterdamo, S$^{ro}$ S. de Vries fondis Esperantan grupo kaj en « Utreĥto » grupeto de kelkaj Esperantistoj semajne kunvenas.

Estos eble komenco de grava helpo por nia Holanda kunfrato. S$^{ro}$ S. de Vries ellaboris ankoraŭ sistemon de stenografio simplan kaj praktikan, speciale difinitan por Esperanto. Ni scias ke aliaj sistemoj estas jam preparitaj kaj baldaŭ aperos, ekzemple la sistemo de S$^{ro}$ P. Bavay.

Pri tio, ni partoprenas la dezirojn de nia Holanda kunfrato kiu opinias ke unu sola sistemo de stenografio, zorge kombinita, estas dezirebla. Sed kia? Ni ne povas juĝi, sed ni opinias ke tiuj, kiuj sin okupadas speciale je stenografio, devus elekti unu solan sistemon. Se ne, ni falos en konfuzan haoson. Ĉu la stenografia ĵurnalo « La Plume Sténographique » kiu ĉiam apogis la Esperantan movon, ne povus

### A travers le monde Espérantiste.

Notre confrère « La Holanda Pioniro », qui, depuis quelque temps s'était arrêté pour plusieurs motifs, a paru les premiers jours de décembre, en guise de surprise de Noël, sous le format d'un numéro double, 11 et 12. Notre courageux partisan, Dreves Uitterdijk, termine de cette façon la première année de sa sympathique entreprise et annonce que la seconde année du journal sera trimestrielle, chaque numéro contiendra 30 pages et le coût de l'abonnement sera de 1,50 flor. = 3.00 frcs. La collection complète de 1903 ne coûte que 2.50 fr.

Sous le titre « Persistons » il donne un important article dans lequel il fait connaître les difficultés qu'il a rencontrées jusque maintenant; mais, plein d'énergie, il espère et nous aussi nous espérons, que sous sa nouvelle forme, d'une durée temporaire, Holanda Pioniro travaillera pour l'extension et le triomphe de notre cause commune.

Ce double numéro nous apprend qu'à Amsterdam, M. S. de Vries a fondé un groupe de l'Esperanto et qu'à Utrecht, un groupement de quelques espérantistes se réunit chaque semaine. Ce sera peut-être le début d'une aide importante pour notre confrère hollandais. M. S. de Vries travaille encore à un système de sténographie, simple et pratique, spécialement combiné pour l'Esperanto. Nous savons que d'autres systèmes sont déjà préparés et bientôt paraîtront ; par exemple le système de M. P. Bavay. A ce sujet nous partageons les vœux de notre confrère hollandais qui estime qu'un seul système de sténographie, soigneusement combiné, est chose désirable.

Mais lequel ? Nous ne pouvons en juger, mais nous sommes d'avis que tous ceux qui s'occupent spécialement de sténographie, doivent choisir un seul système. Sinon, nous tomberons dans le gâchis. Le journal « La Plume Sténographique », qui appuya de tout temps le mouvement Espérantiste, ne pourrait-il diriger ce choix ?

En attendant, les sténographes pourront écrire à M. de

### Dwars door de Esperantische wereld.

*Onze medebroeder « La Holanda Pioniro » die sedert eenigen tijd, om verscheidene redens, stilstond, is met de eerste dagen van December bijwijze van Kerstgeschenk verschenen, onder het formaat van een dubbel nummer, 11 en 12. Onze moedige aanhanger, Dreves Uitterdyk, eindigde op deze manier het eerste jaar zijner sympathische onderneming, en kondigt aan dat het tweede jaar van het blad, drijmaandelijksch zal zijn ; elk nummer zal 30 bladzijden bevatten en de prijs der inschrijving zal 1,50 gulden of 3.00 fr. zijn. De volledige jaargang 1903 kost slechts 2 fr. 50.*

*Onder de hoofding « Laat ons volharden » geeft hij een belangrijk artikel, in hetwelk hij de moeilijkheden doet kennen, die hij tot nu toe tegengekomen heeft ; maar, vol wilskracht, hoopt hij, en wij hopen het ook, dat « Holanda Pioniro, » onder zijnen nieuwen vorm, voor een tijdelijken duur, zal werken aan de uitbreiding en de zege van onze gemeene zaak.*

*Dit dubbel nummer laat ons weten dat M. S. de Vries, te Amsterdam eene Esperantische groep gesticht heeft, en dat te Utrecht eene groep van eenige Esperantisten wekelijks vergadert. Dit zal misschien het begin zijn eener belangrijke hulp voor onzen Hollandschen medebroeder. M. S. de Vries werkt nog aan een stelsel van snelschrift, eenvoudig en praktisch, bijzonder voor het Esperanto geschikt. Wij weten dat reeds andere stelsels voorbereid worden en welhaast zullen verschijnen, bij voorbeeld het stelsel van M. P. Bavay. Onder dit opzicht deelen wij de wenschen van onzen Hollandschen medebroeder, die acht dat één enkel stelsel van snelschrift, zorgvuldig samengesteld, eene wenschelijke zaak is.*

*Maar hetwelk ? Wij kunnen er niet over oordeelen, maar wij zijn van gevoelen dat al dezen, die zich bijzonderlijk met snelschrift bezig houden, één enkel stelsel moeten kiezen. Zooniet, zullen wij in eenen warrelboel vallen. Zou het blad « La Plume Sténographique » die ten allen tijde de Esperantische beweging steunde, die keus niet kunnen besturen ?*

*In afwachting, zullen de snelschrijvers kunnen schrijven aan*

direkti tiun elekton? Atendante, la stenografiistoj povos skribi al S<sup>ro</sup> de Vries, Damstr. 24, Amsterdam, kiu faros korespondadan kurson po 3 frankoj (poŝtaj elspezoj).

***

Kunvenintaj Berlinaj Esperantistoj definitive fondis « Esperantistan grupon Berlinan ». La estraro estas jena: S<sup>roj</sup> Doktoro A. Schmidt, J. Borel, H Jurgensen, H. Philipp, kaj W. Seeger. La nova grupo al ni sendis sian regularon kaj baldaŭ pruvos sian ageman propagandon, eldonante malgrandan revuon en Germana lingvo pri Esperanto.

La jurnalo « Lingvo Internacia » anoncas ke alia grupo fondiĝis en Glatz (Schlesien) Germanujo; sekretario W. Pelz, Schwefeldorferstrasse 8, III. Oni anoncas ankoraŭ fondon de novaj grupoj en Sceaux (Francujo) adreso: S<sup>ro</sup> Maillard 2, rue du Four kaj en Alger (grupo de Alger kaj Norda Afriko). Sekretario: Kapitano A. Capé, 17, boulevard Gambetta, Alger.

En Meksikujo, Esperanta Societo estas decidita por la Verakruza provinco; la provizora komitato estas: Prezidanto A. Moriu en Nogales (provinco de Verakruzo), vicprezidanto H. Lamicq, Sekretario D<sup>ro</sup> A. Vargas, komitatanoj S<sup>roj</sup> F. Blanco, E. Amador Saldana kaj J. R. Avalos.

Tiuj rezultatoj pruvas, — ĉu estas ankoraŭ necese tion pruvi? — ke la Ideo faras ĉiam pli kaj pli da progreso en ĉiuj landoj kaj nia devo estas kunhelpi niajn samideanojn kiam ili petas de ni helpon ian.

Okazo sin prezentas plenumi tiun agon de vera frateco en lando kie la propagando estas la plej malfacila pro diversaj kaŭzoj. En tiu ĉi jaro estos aranĝata ekspozicio de vilaĝa mastrajo en urbeto Soĉi (marborda urbeto proksime de urbeto Gagry, Rusujo) kaj tial S<sup>ro</sup> A. Prager petas esperantistojn ke ili sendu al li, se tio ekzistus, eldonitajn esperantajn librojn koncernante la vilaĝan mastrajon. S<sup>ro</sup> A. Prager loĝas de nun en Gagry, Kaŭkazo (Rusujo) kie, antaŭ nelonge, li aranĝis ekspozicion Esperantan.

***

Kapitano A. Capé, el Alger sciigas ke la Ministro de la Militaferoj de Francujo permesis, oficiale, ke la oficiroj partoprenu je la propagando de la lingvo Esperanto kaj aliĝu al la Franca S. p. p. E. Tio estas grava paŝo en oficiala mondo kie ni ekvidas baldaŭan akcepton de Esperanto ĉar la Ministro finigas sian

Vries, Damstraat, 24 à Amsterdam, qui fera un cours par correspondance pour 3 fr. (dépenses de l'affranchissement postal).

***

Des espérantistes berlinois réunis, ont fondé définitivement le « Esperantista grupo Berlina ». On trouvera les noms du comité ci-dessus. Le nouveau groupe nous a envoyé son règlement et donnera bientôt des preuves de son active propagande, en éditant une petite revue en allemand, traitant de l'Esperanto.

Le journal « Lingvo Internacia » annonce qu'un autre groupe s'est fondé à Glatz (Silésie) dont le secrétaire est M. W. Pelz.

On annonce encore la fondation de nouveaux groupes à Sceaux (France) et à Alger (groupe d'Alger et du Nord de l'Afrique). On trouvera dans le texte Esperanto ci-dessus les adresses de ces groupes ainsi que les noms des membres du Comité de la Société qui vient d'être établie dans la province de Vera Cruz, au Mexique. Ces résultats prouvent, s'il est encore nécessaire de le prouver, que l'Idée fait toujours, et de plus en plus, des progrès dans tous les pays et notre devoir est de répondre au désir de nos camarades lorsqu'ils nous demandent une aide quelconque.

Une occasion se présente d'accomplir cet acte de vraie fraternité dans un pays où la propagande est la plus difficile et cela pour diverses causes. Cette année aura lieu une exposition d'*économie domestique au village* dans la petite ville de Soĉi (au bord de la mer, non loin de Gagry, Russie), c'est pourquoi M. A. Prager prie les espérantistes de lui envoyer, si cela existe, des livres, édités en Esperanto, concernant l'économie domestique. M. A. Prager habite actuellement à Gagry, Caucase (Russie) où, il n'y a pas longtemps, il fit une petite exposition espérantiste.

***

Le capitaine A. Capé, d'Alger, fait savoir que le Ministre de la Guerre de France a permis, officiellement, que les officiers prennent part à la propagande de la langue Esperanto et adhèrent à la Société française p. p. E. C'est un grand pas de fait dans le monde officiel où nous entrevoyons le prochain accueil de l'Esperanto car le Ministre termine sa lettre en disant: « Une circulaire portera incessamment cette décision à la connaissance des intéressés par la voie du Bulletin officiel. »

*M. de Vries, Damstraat 24, te Amsterdam, die per briefwisseling eenen leergang zal geven voor 3 fr. (kosten der postfrankeering).*

***

*De vereenigde Berlijnsche Esperantisten hebben voor goed de « Esperantista Grupo Berlina » gesticht. Men zal de namen van het bestuur, hierboven vinden. De nieuwe kring heeft ons zijne verordening toegezonden en zal welhaast bewijzen geven van zijne werkzame propaganda, door het uitgeven van een klein overzicht, in 't Duitsch, handelende over het Esperanto.*

*Het blad « Lingvo Internacia » meldt dat een andere groep ingericht is te Glatz (Silezië) wier schrijver is M. W. Pelz.*

*Men meldt nog de stichting van nieuwe groepen te Sceaux (Frankrijk) en te Algiers (kring van Algiers en van 't Noorden van Afrika). In den Esperantischen tekst hierboven zal men de thuiswijzingen dier groepen vinden, alsook de namen der bestuurleden van de Maatschappij die komt gesticht te worden in de Provincie Vera-Cruz, in Mexico. Deze uitslagen bewijzen, indien het nog noodig bewezen is, dat het gedacht altijd meer en meer vooruitgang doet in alle landen, en onze plicht is, te beantwoorden aan den wensch onzer vrienden, wanneer zij ons eene welkdanige hulp vragen.*

*Eene gelegenheid biedt zich aan om die daad van ware broederlijkheid te vervullen in een land, waar de propaganda moeilijkst is, en dit om verschillende oorzaken. Dit jaar zal eene tentoonstelling van dorp-huishoudkunde plaats hebben in het kleine stadje Soĉi (aan den boord der zee, niet verre van Gagry Rusland), 't is daarom dat M. A. Prager den Esperantisten vraagt, hem, indien dit bestaat, boeken betreffende de huishoudkunde in Esperanto uitgegeven, op te zenden. M. A. Prager woont tegenwoordig te Gagry, Caucasus (Rusland) waar hij, niet lang geleden, eene kleine Esperantische tentoonstelling hield.*

***

*Kapitein A. Capé, van Algiers, laat weten dat de Fransche Minister van Oorlog, officieel toegelaten heeft, dat de officieren deel nemen aan de verspreiding van de Esperanto-taal en deelmaken van de Fransche maatschappij p. p. E. 't Is een groote gedane stap in de officieele wereld, en wij voorzien de aanstaande aanname van het Esperanto, want de Minister eindigt zijnen brief met te zeggen: « Een omzendbrief zal deze beslissing aanstonds ter kennis der belanghebbenden brengen, bij middel van het officieel bericht. »*

leteron dirante : « Cirkulero senprokraste konigos tiun ĉi decidon al la interesatoj per la rimedo de la *Oficiala Bulteno.* » Bela rezultato pri kio ni gratulas varme kapitanon Capé kiu direktas tiel feliĉe la novan grupon en Alger.

***

En nia 9$^a$ numero (majo 1903$^a$) ni raportis pri la malfacilaĵoj kiujn renkontis la Arbitracia Kortego de La Haye pri uzo de diversaj lingvoj. La revuo « Annales diplomatiques et consulaires » publikis, en sia numero de la 20$^a$ novembro, artikolon de S$^{ro}$ René du Faure kiu neis eblecon uzi la lingvon Esperanton dum la disputado ĉe tiu juĝistaro. Tuje, respondon li ricevis de S$^{ro}$ V. Dufeutrel, membro de la grupo de Boulogne s/mer kaj redaktoro de la « *Revue de l'Esperanto* » (ankoraŭ unu nova revuo ?....!!!) respondon tre lertan kaj je gravaj argumentoj plenan. Tiun leteron presis la ĵurnalo « Le Boulonnais » de la 24$^a$ de decembro 1903.

***

La revuo « Manuel général de l'Instruction primaire » ĉiusemajna ĵurnalo de la Francaj geinstruistoj, fondis Esperantistan sekcion por Internacia pedagoga korespondado, kies prezidanto estas S$^{ro}$ E. Boirac, rektoro de la Akademio de Dijon'o kaj la sekretario S$^{ro}$ J. Fèvre profesoro ĉe la lernejo por Instruistoj de la sama urbo. En siaj numeroj 50$^a$ kaj 51$^a$ (Decembro 1903) tiu revuo enhavas tre bonan prezenton de Esperanto de S$^{ro}$ Boirac kiu detale donas la precipajn regulojn kaj multajn ekzemplojn. Tiuj artikoloj certe altiros novajn adeptojn al nia afero kaj povas servi kiel modelo por niaj amikoj kiuj intencus enlokigi artikolon en ĵurnalo.

S$^{ro}$ Michaux, advokato, prezidanto de la Esperantista grupo de Boulogne s/mer faris paroladon la 10$^{an}$ de decembro : La Instruistoj kaj la Esperanto. Tiun paroladon prezidis S$^{ro}$ Aubrun, inspektoro de la unuagrada Instruado kiu apogis, per sia alta aprobo, la varman proparoladon de S$^{ro}$ Michaux.

La Angla revuo « The Educational Times » en sia decembra numero enhavas ankaŭ gravan artikolon pri Esperanto de S$^{ro}$ E. A. Lawrence.

Niaj legantoj konstatos ke la Esperantista movo, ĉe la pedagoga mondo, fariĝas pli kaj pli agema.

---

C'est un beau résultat pour lequel nous félicitons chaleureusement le capitaine Capé qui dirige si heureusement le nouveau groupe d'Alger.

***

Dans notre numéro 9 (mai 1903) nous avons parlé des difficultés que rencontrait la Cour d'arbitrage de la Haye au sujet de l'emploi des diverses langues. Les « Annales diplomatiques et consulaires » ont publié, dans le n° du 20 novembre, un article de M. René du Faure qui niait la possibilité d'employer la langue Esperanto pendant les débats de ce tribunal.

Immédiatement il reçut réponse de M. V. Dufeutrel, membre du groupe de Boulogne s/mer, réponse très habile et remplie de bons arguments. On trouvera cette lettre dans le journal « Le Boulonnais » du 24 décembre 1903.

***

Le « Manuel général de l'Instruction primaire » journal hebdomadaire des instituteurs et institutrices français, a fondé une section espérantiste pour la correspondance pédagogique internationale dont le président est M. E. Boirac, recteur de l'Académie de Dijon et le secrétaire M. J. Fèvre, professeur à l'Ecole Normale de la même ville. Dans ses numéros 50 et 51 (décembre 1903) cette revue contient une excellente présentation de l'Esperanto de M. Boirac qui donne en détail les principales règles et plusieurs exemples. Ces articles attireront certainement de nouveaux adeptes à notre cause et pourront servir de modèle pour ceux de nos amis qui seraient intentionnés de faire insérer un article dans un journal.

M. Michaux, avocat, président du groupe de Boulogne s/mer a fait une conférence le 10 décembre : les instituteurs et l'Esperanto. Cette conférence était présidée par M. Aubrun, Inspecteur de l'enseignement primaire qui appuya de sa haute approbation, le chaud plaidoyer de M. Michaux.

La revue anglaise « The Educational Times », dans son numéro de décembre, contient aussi un article important sur l'Esperanto, signé E. A. Lawrence.

Nos lecteurs constateront que le mouvement espérantiste, chez le monde pédagogique, devient de plus en plus actif.

*'t Is een schoone uitslag over denwelken wij kapitein Capé, die zoo gelukkiglijk de nieuwe groep van Algiers bestuurt, warm gelukwenschen.*

***

*In ons nummer 9 (Mei 1903) hebben wij gesproken over de moeilijkheden, welke het scheidsgerechtshof van Den Haag ontmoette, nopens het gebruik der verschillende talen. De « Annales diplomatiques et consulaires » hebben in het nummer van 20$^{en}$ November een artikel van M. René du Faure uitgegeven, die de mogelijkheid van het gebruik van de Esperanto-taal, binst de geschillen van dit gerecht, loochende.*

*Oogenblikkelijk ontving hij antwoord van M. V. Dufreutel, lid van den kring van Boulogne a/zee, een zeer behendig en met goede betoogen vervuld antwoord. Men zal dezen brief vinden in het dagblad « Le Boulonnais » van 24$^{en}$ December 1903.*

***

*De « Manuel général de l'Instruction primaire » weekblad der Fransche onderwijzers en onderwijzeressen, heeft eene Esperantische afdeeling ingericht voor de wederlandsche opvoedkundige briefwisselingen, waarvan de voorzitter is M. E. Boirac, rector der Academie van Dijon, en de schrijver M. J. Fèvre, leeraar aan de Normaalschool der zelfde stad. In zijne nummers 50 en 51 (December 1903) behelst dit blad eene uitmuntende voorstelling van het Esperanto door M. Boirac, die, in 't kort de voornaamste regelen en verscheidene voorbeelden geeft. Deze artikelen zullen voorzeker nieuwe aanhangers voor onze zaak aantrekken, en zullen kunnen tot voorbeeld dienen voor dezen onzer vrienden die zouden van gedacht zijn, een artikel in een dagblad te doen opnemen.*

*M. Michaux, advokaat, voorzitter van de groep van Boulogne a/zee heeft eene voordracht gegeven op 10$^{n}$ December : de onderwijzers en het Esperanto. Deze voordracht wierd voorgezeten door M. Aubrun, opziener van het lager onderwijs, die door zijne hooge goedkeuring, de warme pleitrede van M. Michaux ondersteunde.*

*Het Engelsch overzicht « The Educational Times » bevat in zijn nummer van December, ook een belangrijk artikel over het Esperanto, geteekend E. A. Lawrence.*

*Onze lezers zullen bestatigen dat de Esperantische beweging, in de opvoedkundige wereld, al werkzamer en werkzamer wordt.*

* * *

La ĵurnalo « El Minero Mexicano » Decembro 1903, enhavas belan artikolon de Sro Ramon Limones; tiu ĵurnalo enhavas ankoraŭ malgrandan kronikon en lingvoj Hispana kaj Esperanto pri la movo kiu komenciĝas en Meksikujo.

La ĵurnalo « Il Risveglio Cattolico » de Arezzo, Italujo, 2an de Januaro 1904 enhavas ankaŭ artikolon pri nia bela lingvo kiun al ni sendis Sro J. Meazzini.

Ni ricevis ankoraŭ la « Esperanto grammar in english » eldonitan de la Amerika Esperanta kolekto de nia kunfrato « La Lumo »; prezo 10 cts = 50 centimoj. Tio estas, kolektigitaj en eleganta broŝureto, la artikoloj pri reguloj de la gramatiko kiuj aperis monate en tiu ĵurnalo.

La muzikistoj ne restas neaktivaj; la kontoro « Esperanto » de Sa Peterburgo eldonis verkon de Sro Ranuŝeviĉ titolitan : « *Penso Esperanta* » por fortepiano. Kial la muzikaj montroj estas presitaj en Itala lingvo ? Mi scias ke estas interkonsento ĝis nun tute akceptita sed ĝi ne estas devigita. Kial ne akcepti, kiel Sro L. Bernot, la Esperantajn vortojn por ĉiuj montroj muzikaj ? Tio estas bedaŭrinda erareto, kiun, ni esperas, evitos la kontoro « Esperanto » kiam ĝi eldonos ankoraŭ novan muzikan verkon.

Jos. JAMIN.

## Kroniko Belga.

**Paroladoj**. Nia amiko, Sro Dro Van Melckebeke, sekretario de l' « Antverpeno Grupo Esperantista », faris paroladon la 10an de Decembro en Meĥleno (Mechelen, Malines), antaŭ grandnombra kaj bela aŭdantaro. Tiu parolado ricevis grandan sukceson kaj ni tre esperas ke, dank' al kelkaj malmultaj sed tre sindonemaj samideanoj jam ekzistantaj en Meĥleno, ĝi havos bonegajn rezultatojn. La entuziasma kaj tre afabla artikolo, kiun publikigis « La Voix de Malines », ne povas malcertigi nian opinion.

La sekvantan tagon, 11an de Decembro, Sro L. Blanjean faris ĉe la Popola Universitato de Laeken paroladon kiun plifortigis la elmontrado de multaj Esperantaj dokumentoj. Nia simpatia kaj elokventa kunlaboranto ricevis ankoraŭ, antaŭ ravigita aŭdantaro, sian kutiman sukceson.

* * *

Le journal « El Minero Mexicano », décembre 1903, contient un bel article de M. Ramon Limones; ce journal contient encore une petite chronique en espagnol et en Esperanto au sujet du mouvement qui commence au Mexique.

Le journal « Il Risveglio Cattolico » d'Arezzo, Italie, du 2 janvier 1904 contient aussi un article au sujet de notre belle langue, que nous envoie M. J. Meazzini.

Nous avons encore reçu « Esperanto grammar in english » édité par la collection espérantiste d'Amérique de notre confrère « La Lumo », prix : 10 cents = 50 centimes. Ce sont, réunis en une élégante brochure, les articles au sujet des règles de la grammaire parus mensuellement dans ce journal.

Les musiciens ne restent pas inactifs; le comptoir « Esperanto » de St-Pétersbourg, a publié une œuvre de M. Ranuŝeviĉ, intitulée « Penso Esperanta » pour piano. Pourquoi les indications musicales sont-elles imprimées en italien ? Je sais que c'est une convention jusqu'à présent acceptée mais elle n'est pas obligatoire.

Pourquoi ne pas accepter, comme M. L. Bernot, les mots Esperanto pour toutes les indications musicales ? C'est une petite erreur regrettable qu'évitera, nous l'espérons, le comptoir « Esperanto » quand il éditera encore une nouvelle œuvre musicale.

Jos. JAMIN.

### Chronique Belge.

**Conférences**. Notre ami, Mr le Dr Van Melckebeke, secrétaire de l' « Antverpena Grupo Esperantista », est allé donner une conférence à Malines, le 10 décembre, devant un public nombreux et choisi. Cette conférence a obtenu un très gros succès et nous espérons bien que, grâce aux amis que nous possédons déjà à Malines, peu nombreux mais très dévoués, elle produira des résultats excellents. L'article enthousiaste et très aimable, qu'a publié à ce sujet « La Voix de Malines » n'est pas fait pour infirmer notre croyance.

Le lendemain, 11 décembre, Mr L. Blanjean donnait à l'Université Populaire de Laeken une conférence dont l'effet était renforcé par l'exhibition de nombreux documents Espérantistes. Notre sympathique et éloquent collaborateur y obtenait une fois de plus, devant un auditoire charmé, son succès habituel.

* * *

*Het blad « El Minero Mexicano », December 1903, bevat een schoon artikel van M. Ramon Limones ; dit blad behelst ook eene kleine kroniek in 't Spaansch en het Esperanto, over de beweging die in Mexico begint.*

*Het blad « Il Risveglio Cattolico » d'Arezzo, Italie, van 2en Januari 1904 bevat ook een artikel nopens onze schoone taal, welke M. J. Meazzini ons zendt. Wij hebben nog « Esperanto grammar in englisch » ontvangen, uitgegeven door de Esperantische verzameling van Amerika van onzen medebroeder « La Lumo », prijs ; 10 cents = 50 centiemen. Het zijn, vereenigd in eene mooie brochuur, de artikelen over de spraakkundige regelen, maandelijks in dit blad verschenen.*

*De muzikanten blijven niet werkeloos ; het agentschap « Esperanto » van St Petersburg, heeft een werk van M. Ranuŝeviĉ uitgegeven, getiteld : « Penso Esperanta », voor piano. Waarom zijn de muziekwendingen in het Italiaansch gedrukt ? Ik weet dat het eene tot nu toe aangenomene overeenkomst is, maar zij is niet verplichtend.*

*Waarom niet, gelijk M. L. Bernot, de Esperantische woorden voor al de muzikale aanmerkingen, aanveerden ? Het is een kleine betreurenswaardige misslag, welken, wij hopen het, het agentschap « Esperanto » zal vermijden, wanneer het nog een nieuw muzikaal werk uitgeeft.*

Vertaald door A.-J. WITTERYCK.

### Belgische Kroniek.

**Voordrachten**. *Onze vriend, M. Dr Van Melckebeke, Schrijver van de « Antverpena Grupo Esperantista » is op 10 December eene voordracht gaan geven te Mechelen, vóór een talrijk en uitgelezen publiek. Deze voordracht heeft een zeer grooten bijval behaald en wij hopen wel dat zij, dank aan de weinige maar verkleefde vrienden die wij reeds te Mechelen bezitten, uitmuntende uitslagen zal voortbrengen.*

*Het geestdriftig en zeer minnelijk artikel, dat « La voix de Malines » over dit onderwerp uitgegeven heeft is niet gemaakt om ons geloof te verzwakken.*

*'s Anderendaags, 11en December, gaf M. L. Blanjean in de Volkshoogeschool van Laeken, eene voordracht welker uitwerksel versterkt werd door de uitstalling van talrijke Esperantische stukken. Onze medegevoelende en welsprekende medewerker behaalde er eens te meer, vóór een verrukt gehoor, zijnen gewonen bijval.*

